# PENSEO

N-ro 223

majo. / 2010

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 21-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Haizi（1964-1989）



Vizaĝe al la maro,

kun printempaj floroj en prospero

De morgaŭ, mi volas esti hom’ feliĉa
Ĉevalon bredi, haki lignon kaj veturi tra la
mondo
De morgaŭ mi zorgos pri nutraĵoj kaj legomoj
Mi havas domon, alvizaĝe al la maro, kun
printempaj floroj en prospero

De morgaŭ mi ekkorespondos kun karuloj ĉiuj
Rakontos pri feliĉo mia jen al ili
Mi tion, kion la feliĉa fulmo diris,
Al ili ĉiuj diros

Kaj doni varmajn nomojn al ĉiu river’ kaj ĉiu
monto
Fremdulo, ankaŭ mi prezentu bondeziron al vi
Deziras mi estonton brilan al vi
Deziras mi al vi kuniĝon kun amata de vi ino
Deziras mi al vi akiri feliĉecon en la homa
mondo
Mi volas nur vizaĝi al la maro, kun printempaj
floroj en prospero

## Juli' ne foras

—dediĉe al Qinghai Lago, bonvole estingu
mian amon

Juli’ ne foras
Naskiĝ’ de genroj ne foras
Ne amo foras—ĝuste sub la nazo de ĉevalo
La lag’ entenas salton
Do, Qinghai-Lag’ ne foras
Ĉe la lagrand’ troviĝas stakoj da abelujoj
Min igas izolita sed alloga:
En verdaj herboj pompas freŝaj floroj

Sur Qinghai-lago
Soleco mia ŝajnas surĉiela ĉevalo
(pro tio la ĉevalo surĉiela ne foras)

Mi estas tiu galantulo: la sovaĝa floro en
poemo
La nura venena sovaĝa floro en la ventro de la
surĉiela ĉevalo
(Qinghai-lago, bonvole estingu mian amon!)

La verdaj tigoj de sovaĝaj floroj ne foras
L’ antikvaj familinomoj en medikamenta
kesto ne foras
(aliaj vagabondoj kiuj resaniĝis pro malsano
Jam al hejmlok’ revenis, mi volas nun viziti
ilin)

Trans montoj kaj rivertoj, tial, la morto ne
foras
Skeleton pendas tra mia tuta korpo
kvazaŭ branĉoj sur la blua akvo

Oh, Qinghai-lago, la akvosurfaco en krepuska
lumo
Ĉio prezentiĝas antaŭ okulparo!

Aro da birdoj kun nur kvinmonata vivo jam
forflugis
La unua birdo trinkinta mian gemon jam
forflugis
Nur restas Qinghai-lago, la kadavro de la

gemo
La akvosurfaco en krepuska lumo

**Haizi, unu el la plej influhavaj poetoj en la moderna ĉina poezio. De 1984 ĝis la 14-a de marto, 1989, en kiu tago li mortigis sin sur la fervojtrako, li jam produktis 2 milionojn da vortoj en poemoj, poemopero, noveloj, tezoj kaj eseoj.*

elĉinigis **Eto**

## Mikaelo Bronsxtejn (Rusujo)



### La virinoj kaj katoj

La virinoj kaj katoj
Ne alvenas vokataj,
La virinoj kaj katoj –
La fier' kaj tener'
En impet' ekdezira
Mistereca kaj mira,
Venas kvazaŭ por cedo,
Tamen ja por konker'.

Ĉiu kato surtere
Ŝatas vagi libere,
Kaj aperas enhejme
kun fiera mimik'.
Jen frotet' ĉe l'femuro,
Jen kares' kaj murmuro –
Kaj la kato jam estas
La plej bona amik'.

Revas ĉiu virino
Varmon de l' hejma sino,
Tamen ligas la sorton
Eĉ kun verva vagant'.
Nur impet', ne alvoko
Kaptas ŝin kvazaŭ hoko.
Venas ŝi sinofere,
Kiel larmo aŭ kant'.

Mi rilatas kun ŝato
Al virino, al kato,
Al subita alveno,
La donac' de l' destin'.
Sed la sent' glimetanta,
Malkonstanta, glitanta
Ĉiufoje molestas
Kaj turmentas ja min.

Por la sento sen vundoj
Mi eĉ pensas pri l' hundoj, -
Tiuj restus fidelaj
Kun kortuŝa naiv'…
Tamen re - nevokato
Ĉu virino, ĉu kato -
Nova revo impeta,
Nova senco de l' viv'.

## Roberto Tresold (Italujo)



### Romantika angoro

Falas silente neĝeroj ekstere,
ĉesis blovado de l' vent'...

Kviete ripozas kateto sur sofo
sonĝante ludojn de l' tag'.

Laŭiras fenestron gutoj fingrecaj,
kreiĝas linioj sen halt'.

Sidas mi lace sen dormo kaj penso
revenis la tempo de l' plor'.

Foriris ŝi fine post akra diskut'
baraktis ni longe sen cel'.

Movo de l' manoj: doloras la vango -
restas nur trista ĉagren'.



## Josip Pleadin (Kroatio)



### Ho, Vi, Poetoj!

Ho, poetoj gloraj de nia Parnaso:
Nikolao, Julio kaj vi, Kolomano,
viaj poemoj, gemoj kaj trezoroj,
ornambrile fajnas en mallerta mano.

Miaj poemoj, de vi nelegitaj,
orfe kuŝas ili en ĝema tirkesto,
ĉar ilin ne lasas mi al flug’ libera,
sed gardas atente en sekura nesto.

Kaj se mortos mi ĉe mia tablo,
ĉu iu ilin prenos kaj karesos,
ĉu miaj infanoj familion trovos,
aŭ pri ili l’ tuta mond’ forgesos.

Kun mi en ĉerko ili ne vojaĝos
al lok’ de eterna beleco kaj ĝojo,
sed restos solaj en tirkesta polvo
dum forlavos ilin la vivo per rojo.

Se en iu libro restos spur’ de io,
verkita per koro kaj mano de bardo,
de Parnaso dia ni komune kantos,
mi tostos per glaso sub via rigardo.

## Cezar (Germanujo)



### Nululo en banko

Nululo sidis en la bank'
sur novlakita benk'.
Sed je kreditoj estas mank';
por li do estus venk'.

Kaj kiam venis lia vic',
ekkreskis la esper';
sed la bankisto, sen malic',
nur neis pri l' afer'.

La homo restis sen kredit',
ĉar estas li nur nul'.
Nululon trafas banka spit',
li vivu sen postul'.

Al bank' ekzistas karitat',
do granda frata am'.
Ĝin helpas tuj bonkora ŝtat',
sed ne al nul' sen fam'.

## Zhang Ailing (1920-1995)*



### Amo

Tio estas vera.

Estis knabino, tre bela, el bonhava familio en vilaĝo. Multaj svatis ŝin, sed neniu el tiuj sukcesis. Tiam ŝi aĝis 15-16 jarojn; estis printempa vespero, ŝi staris ĉe la malantaŭa pordo kaj metis la manon sur la persikarbo. Ŝi memoris ke ŝi portis lunblankan bluzon. Tiu junulo, kiu loĝis transe, estis konata de ŝi laŭvide, sed neniam okazis saluto inter ili. Li alpaŝis; jam ne malproksime, li haltis kaj leĝere diris: “Oh, ankaŭ vi estas ĉi tie?” Nenion ŝi diris, kaj ankaŭ li ne diris plu. Iom poste ili foriris respektive.

Tiel finiĝis.

La kanbino poste estis trompite vendita, kiel kromedzino, de sia parenco al alia gubernio, kaj tie ankoraŭ kelkafoje transvendita. Spertinte sennombran nigran aventuron, maljuniĝinta ŝi ankoraŭ memoris, kiel okazis la afero, kaj ofte menciis ĝin: En la printempa vespero, sub la persikarbo apud la malantaŭa pordo, la junulo.

Ke vi renkontas tiun destinitan el mil kaj mil homoj en mil kaj mil jaroj, vi renkontas tiun en la dezerto de la senfina tempo, tiel hazarde, ke ne frue je unu paŝo, nek malfrue je unu paŝo, tio estas ja providenco, kia estas

nenio alia ol saluti: “Oh, ankaŭ vi estas ĉi tie?”

**Zhang Ailing (1920-1995), ŝanhajano, moderna verkistino, tre fama pro la aparta stilo.*

Elĉinigis **Minosun (Ĉinio)**



# Ĉineske

**Vejdo (Ĉinio)**



## Novaj vestoj de l' reĝo

—laŭ ĉineska skemo Busuanzi*

Antaŭ tre longe
vivis reĝ’ kun am’
granda al belaj vestoj
kaj la vanta fam’.



Li ne prizorgis
ŝtataferojn jam
sed ĉiam okupiĝis
pri vesta ornam’.

Nu, du trompantoj
kiel tajloroj
venis al lia urbo
kun mava koro.

Ili afektis
jen por laboro
tajlora serĉi ĉie
nun kun fervoro.

Ili eĉ blagis
ke ili povas
elteksi belan ŝtofon
kiun ne trovas

oni en la mond’,
ke ili provas
desegni belajn kolorojn
kaj eĉ elŝovas

ŝtofon plej belan
kun mirinda ec’.
La vestoj faritaj el
ĉi tiu ŝtofpec’

ne videblas por
tiuj kun saĝec’
kaj tiuj kun okuloj
taŭgaj por aprec’.

La reĝo pensis,
“Kia mirplena
vestaĵ’ĉi tio estas!
Sen forto pena

surportante ĝin
en kort’ solena
mi distingas saĝulon
de ul’ azena.”

Kun granda ĝojo
la reĝo vanta
ilin akceptis urĝe
sen movo lanta.

Li ja esperis
ke elegantaj
vestoj tuj elfariĝu
je kost’ giganta.

Li antaŭpagis
grandan monsumon
por ke ili komencu
tuj teksi umon

laŭdire belan

sorĉan kostumon
kaj donis al ili jam
nun oportunon.

Du trompantoj
starigis vere
teksilojn por labori
ja sinofere.

Super tekstiloj
do enaere
ili faradis movojn
ŝajne sincere.

Ankaŭ kalkulis
ili en la kor'
por postuli de l' reĝo
aĵojn de valor'.

Li malavare
per silko kaj or'
kontentigis ilin du
ŝajne en labor'.

La valoraĵojn
ili enmetis
en siajn proprajn poŝojn
kaj plu ripetis

la artifikon
kaj ludon duetis.
Por pli da valoraĵoj
ili jam pretis.

Iutage lin frapis
scivola ide',
ĉu malrapidas teksad'
aŭ rapidas tre.

Do li ministron
oldan kun obe'
sendis al laborejo
de vestaĵo-kre'.

L' oldul' alfrontis
provon rigore.
Li kovis kaj timon kaj
dubon enkore.

Li sciis bone:
se laŭesplore
li ne vidos la ŝtofon,
li malfavore

tenos l' oficon,
ĉar pruviĝos li
sentaŭga, malsaĝa laŭ
reĝa opini'.

Spite al tio
li sen emoci'
iris al du trompantoj
de nigra magi'.

Ĉe teksiloj lin
kaptis paraliz'
"Mia Dio," li en si
diris kun surpriz',

"nenio estas!
Ĉu l' vido en mis'?"
Lia juĝado vere
troviĝis en kriz'.

Trompantoj al li
laŭdis per gesto:
"Kiel bele aspektas
ŝtofo por vesto!"

La maljunulo
ja kun honesto
vere vidis nenion
jam en ekzisto.

Li ne kuraĝis
diri la veron,
sed ekludis nevole
falsan operon.

Li jese eĥis
nun je espero
ilia kaj esprimis
sian preferon.

“Kiel superba
la hela kolor’
kaj desegnaĵ’ de ŝtofo!
Ververa trezor!”

Li kompreneble
ne esti malglor’
kiu oni lin prenis
—malsaĝa sinjor’.

Ĉe reĝ’ raportis
li kontraŭvole
ke iras glate teksad’
ol buŝ-parole.

Tio plaĉigis
la reĝon fole,
li kredis: l’ oldulo ne
flatas kaĵole.

Nun du trompantoj
postulis plue
pli da or’ de l’ reĝo por
riĉiĝi ĝue.

Ili laboris
senkontribue
sur malplenaj teksiloj
kaj kontinue.

Sen pacienc’
la reĝ’ ekspedis
alian oficiston
ĉar lin obsedis

progres’ de teksad’.
Li nur posedis
novajn vestojn, sed ŝtaton
volonte cedis.

La misiito
samon atenti
ĝuste kiel ministro
kaj li lamentis

enkore vee.
Al li prezentis
nenion du trompantoj
sed elokventis,

“Ĉu belas ŝtofo?”
La misiito
trovis sin en dilemo.
Sen ajn ekscito

murmure jesis
li kun hezito,
ĉar li vidis nenion
dum la vizito.

Li timis esti
la idioto
en alies okuloj
kaj la mokoto

sur ties lipoj.
Al la komploto
li cedis perfideme
kiel bigoto.

Ĉe reĝ’ mensogis
li per rava vort’
laŭdis la ŝtofon verve
en sia raport’.

Ĉe tio l’ reĝo
ĝojis kun komfort’,
ĉar lia deziro tuj
venos sen abort’.

Nun ĉiuj homoj
en la reĝlando

zumis pri novaj vestoj
kun diamanto.

Oni sopiris
kun granda vanto
al reĝa vest-parado
de eleganto.

Nun volis la reĝ'
vidi persone
ĉu teksado de ŝtofo
procedas bone.

Kun sekvantaro
la reĝ' impone
iris al la teksejo
kiel ciklone.

Du trompantoj
laboris pene
sur malplenaj teksiloj
teksis senĝene.

Kia surprizo!
la reĝ' ĉagrene
vidis nenion vere
neniom plene.

La du teksistoj
ostentis ruze,
"Kiel rava ĝi estas!"
La reĝ' konfuze

ekpensis en si,
"Ĉu 'stas amuze
se mi diros la veron
jen senakuze?"

"Ĉu mi ne taŭgas
la reĝo esti?
Veras l' ŝtofo teksita
ja ne ekzisti!

Sed mi ne devas
tiel honesti
kaj resti silentema
por ne kontesti,

alie oni
certe prenos min
kiel malsaĝan reĝon."
Li kun korinklin'

fari laŭdadon
diris sen fin',
"Rave! Bele! Tre bone!
En granda fascin'!"

Post kelkaj tagoj
pretiĝis fine
la novaj vestoj por reĝ'.
Jam halucine

tiu en menso
ekpentris ŝpine
la fajnajn vestojn freŝajn
jam elmaŝine.

Kun longa vico
da sekvantaro
li sekvtage iris al
trompanta paro.

Ili permane
sen ajn eraro
levis vestaĵojn geste
jam en preparo.

"Jen pantalono,
jen la mantelo,
jen balaspekta surtut'.
Kia modelo!

Ili malpezas
kun gaza belo
kvazaŭ araneaĵo
en luma helo.

Oni do povus
pensi image,
ke oni portas korpe
nulon dumtage.

Tio ja estas
fakte sengage
ilia plej grava ec'
klara malsvage."

"Jes," ĉiuj eĥis,
kvankam ne vidis
ion ajn ili fakte.
La du rapidis

urĝi la reĝon
kaj lin jam gvidis
surporti novajn vestojn
kiuj jen sidis

verŝajne bone
sur korpo lia.
"Kiel bele aspektas
la reĝ' en tia

vestaĵo nova!"
En ton' malpia
du ruzuloj flatis per
parol' fikcia.

Post kelka tempo
ekis parado.
Solene l' reĝo marŝis
sur ĉefa strato.



Ĉiuj ĉe vojo
ĉe balustrado
en fenestroj hurais
per laŭd-kaskado:

"Kiel superbaj,
ho, mia ĉiel',
la novaj vestoj estas!"
En ĝoja pelmel'

oni kriegis
kun voĉa anhel'
ĉar ili esperis ke
ili per fidel'

volas atesti
saĝecon sian.
Oni jen volis trompi
koron senscian.

La reĝ' dankegis
laŭdon onian
per mansvingo kaj faris
ridon radian.

Infan' subite
kriis akute,
"Li surpotas nenion,
ja nuda tute!"

Infan' senkulpa
tiuminute
diris veron al la mond'
ja senbalbute

*Busuanzi (aŭguristo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 55,75 silaboj kun duona rimo.*

*adaptita el la samtitola fabelo de Andersen*

## ***Kvar Poemoj de Shangzhazi****

## **Viktoro (Ĉinio)**

### Sopiro

en nokta mallum'
pliiĝas sopir'
pri mia hejmo
en friska zefir'

nune ĉu miaj
edzin' kaj solfil'
vivas plezure
aŭ kun vesuspir'?

min premas sopir'
kun korŝira ĝen'
des pli pezpeze
ĉe nokta alven'

mi konfuzite
ĉagreniĝas jen
tute maldormas
ĝis la frumaten'



Pentrita de **Eder Benedetti (Brazilo)**

## Cindy Mckee (Usono)



### Eĥo

Brako streĉtiras
ondo sonoras
tra frida vento
trem' aprioras.

Ĉu sonorilo
ĉu eĥo foras
ne vere gravas;
nur vent' memoras.

Tuŝu la haŭton
sono de kapel'
vi estas ondo
de Makiavel'.

Ĉu matureco
ĉu homa ribel'
ne vere gravas;
gravas neniel.

## Cezar (Germanujo)

### La fantomo

I

En mia kapel'
mi migras ĉe l' ĉerk',
memoras pri l' viv'
pri versoj, pri l' verk'.

Mi vivis kun pen',
Mi estis stultul'
sen iu sistem',
laŭ hom' sur insul'.

II

Mi iĝis fantom'
post viv' kun cerbum'.
Sed kial ja mi?
Pro vivo sen lum'?

Groteskas la sort'.
Pro kio la pun'?
Mi migras sen vort'
en noktoj sen sun'.

## Lily (Ĉinio)

### Geiĝo kun fantomo

songo prezentas
bildon kun fantom'
aliranta al
mia eta dom'

li eniras kun
alloga arom'
gestas geiĝon
per longa kondom'

mi do kuŝiĝas
sur mola lito
frivole vokas

per dolĉ-invito

li min korp-kovras
jen kun ekscito
kaj pretas ludi
sen ajn hezito

he, vere strange
nenian pezon
mi eksentas nek
karnan kareson

li kisadas min
por intereson
mian elvoki
kaj mian jeson

mi palpas suben
por kaco lia
sed krom aero
umo nenia

ja li manovras
kun sent' pasia
mordetas varme
en voĉo kria

mi ja konscias
pri lia enir'
kvazaŭ li agas
kun granda aspir'

ĝi kirlas ene
per en-kaj-eltir'
ha, interese
kiel viva vir'

torde diboĉas
li jen leĝere
kiel venteto
blovas libere

lian komplezon
mi volas vere
tamen li jame
svenas mistere



**Shengzhazi* (monta kratago): ĉina fiksforma poemo el du samaj strofoj po kvar versoj de 55,55 silaboj, laŭrimarangĝo xa,xa (x = senrima)*

# La Militpreĝo de Mark Twain



elangligis **Lariko (Usono)**

*Mark Twain verkis ĉi tiun rakonton dum la fruaj jaroj de la 20-a jarcento. Post Usono kaptis la Filipinojn dum la mallonga Hispana-Usona Milito, Usono rifuzis doni sendependecon al la Filipinoj. Multjara gerilo sekvis, kutime nomita (en Usona) la "Filipina Insurekcio". (La sinsekvo de "granda venko" sekvita per "daŭra insurekcio" aspektas kiel unu aŭ pli nuntempaj aventuroj.) Twain kaj multaj aliaj usonanoj kontraŭstaris ĉi tiun militon, sed gazetoj rifuzis publiki ĉi tiun rakonton. Ĝi aperas dum 1916, post la morto de Twain. La rakonto reaperas inter kontraŭmilitaj protestantoj dum la vjetnama milito.*

Estis tempo de granda kaj altiganta ekscito. La lando estis batalvola, la milito progresis, en ĉiu brusto brulis la sankta fajro de patriotismo; oni batis la tamburojn, la bandoj ludis, la ludilpistoloj krakis, la petardaroj siblis kaj sputetis; en ĉiu mano kaj tra la larĝa amaso da tegmentoj kaj balkonoj flirtanta arbaro de flagoj brilis sub la suno; ĉiutage la junaj

volontuloj marŝis laŭ la larĝa avenuo gaje kaj belaspekte vestitaj per iliaj novaj uniformoj, la fieraj gepatroj kaj fratinoj kaj amikinoj huraantaj ilin per voĉoj strangolitaj pro feliĉa emocio kiam ili pretermarŝis: Ĉiunokte la plenŝtopitaj amaskunvenoj aŭskultis, anhelante, al patriotoraciojn kiuj tuŝis la profundecojn de iliaj koroj, kaj kiujn ili interrompis je la plej mallongaj intertempoj per ŝtormoj da aplaŭdo, dum larmoj falis laŭ iliaj vangoj; en la preĝejoj la pastroj predikis dediĉon al flago kaj lando, kaj envokis la Dion de Bataloj, petante Lian helpon por nia bona kaŭzo per preĝoj de fervora elokventeco kiuj emociis ĉiun aŭskultanton. Estis ja feliĉa kaj benita tempo, kaj la ses-sep malsaĝaj animoj kiuj kuraĝis malaprobi la militon kaj esprimi dubon pri ĝia justeco rekte ricevis tian severan kaj koleran averton, ke pro sia propra sekureco ili rapide malaperis kaj ofendis neniam plu tiel.

Dimanĉmateno alvenis--la tago antaŭ ol la batalionoj eliris al la fronto; la preĝejo estis plena; la volontuloj ĉeestis, iliaj junaj vizaĝoj brilaj pro militaj revoj--vizioj de la severa antaŭmarŝo, la pligrandiĝanta impeto, la rapidanta sturmo, la ekbrilantaj sabroj, la fuĝo de la malamiko, la tumulto, la ĉionteganta fumo, la feroca ĉasado, la kapitulaco! Poste hejmaj de la milito, bronzitaj herooj, bonvenigitaj, adorataj, inundataj per oraj maroj da gloro! Kun la volontuloj sidis iliaj amatoj, fieraj, feliĉaj, kaj enviataj de iliaj najbaroj kaj amikoj kiuj havis neniujn filojn kaj fratojn por sendi al la honorkampo, tie por venki por la flago aŭ, fiaskante, morti la plej noblan morton. La diservo procedis; oni legis militan ĉapitron de la Malnova Testamento; oni faris la unuan preĝon; ĝi estis sekvita per orgentondro kiu skuis la konstruaĵon, kaj kun unu impulso la amaso ekstaris, kun brilantaj okuloj kaj batantaj koroj, kaj elverŝis tiun grandegan envokon:

Dio la tute-terura! Vi kiu ordonas! Tondro via klariono kaj fulmo via glavo!

Tiam venis la "longa" preĝo. Neniu povis memori iun similan pro pasia petado kaj emocianta kaj bela oracio. Esence la peto estis tio, ke ĉiam-kompata kaj bonfaranta Patro de ni ĉiuj gardu niajn noblajn junajn soldatojn, kaj helpu, komfortigu, kaj kuraĝigu ilin por ilia patriota laboro; benu ilin, gardi ilin dum bataltago kaj horo de danĝero, tenu ilin in Sia fortega mano, transformu ilin ke ili estas forta kaj memfida, nevenkebla en la sanga atako; helpu ilin por disrompi la malamikon, donu al ili kaj al ilia flago kaj lando nepereontan honoron kaj gloron.




Maljuna fremdulo eniris kaj movis per malrapida kaj senbrua paŝoj laŭ la ĉefa trairejo. siaj okuloj fiksita al la pastro, sia longa korpo vestita per robo kiu atingis siajn piedojn, sia kapo nuda, sia blanka haroj falanta en ŝaŭma kaskado al siaj ŝultroj, sia sulka vizaĝo nenature pala, pala eĉ al fantomeco. Dum ĉiuj okuloj sekvis lin kaj miris, li sekvis sian silentan vojon; senpaŭze li supreniris al la flanko de la pastro, kaj staris tie atendante. Per fermitaj okuloj la predikisto, nekonscie de lia ĉeesto, daŭrigis la emociantan preĝon, kaj laste finis ĝin per la fervora peto, "Benu niajn armilojn, donu al ni la venkon, ho Sinjoro nia Dio, Patro kaj Protektanto de nia lando kaj flago!"

La fremdulo tuŝis lian brakon, gestis al li ke li paŝu flanken--tion la ektimigita pastro faris--kaj staris sur lian lokon. Dum kelkaj minutoj li pririgardis la ravitajn ĉeestantojn per solenaj okuloj, tiam per profunda voĉo li diris:

"Mi venas de la Trono--portante mesaĝon de Ĉiopova Dio!" La vortoj frapegis la domon per ŝoko; se la fremdulo rimarkis tion li ne atentis. "Li aŭdis la preĝon de sia servisto via ŝafisto, kaj donos ĝin se ĝi estos via deziro post mi, sia mesaĝisto, klarigas por vi ĝian signifon, tio estas, ĝian tutan signifon. Ĉar ĝi estas kiel multaj preĝoj de homoj, ĉar ĝi petas pli ol tion kion li kiu esprimas ĝin scias--krom se li paŭzas kaj pensas.

"La servisto de Dio kaj vi preĝis lian preĝon. Ĉu li paŭzis kaj pensis? Ĉu ĝi estas unu preĝo? Ne, ĝi estas du--unu esprimita, la alia ne. Ambaŭ preĝoj atingis la orelojn de Li Kiu aŭdas ĉiujn petojn, la parolata kaj la neparolata. Pripensu ĉi tion--tenu ĝin en viaj mensoj. Se vi petus benon al vi mem, atentu! pro timo ke vi sen intenco envokus malbenon al najbaroj samtempe. Se vi preĝus por la beno de pluvo sur via rikolto, per tia ago vi eble preĝus por malbeno al iu najbaro kies rikolto eble ne bezonus pluvon kaj povus difektiĝi per ĝin.

Vi aŭdis la preĝon de via servisto--la esprimitan parton de ĝi. Mi estas komisiita de Dio por vortigi la alian parton de ĝi--la parton kiun la pastro--kaj ankaŭ vi en viajn korojn--fervore preĝis silente. Kaj ignore ke senpense? Dio donu, ke tio estas vere! Vi aŭdis ĉi tiujn vortojn: 'Donu al ni venkon, ho Sinjoro nia Dio!' Tio sufiĉas. La tuta esprimita preĝo estas kompakte en tiuj gravedaj vortoj. Ellaboradoj ne necesas. Kiam vi preĝis por la venko, vi preĝis por multaj nemenciitaj rezultoj kiuj sekvas venko--devas sekvi ĝin, ne povas eviti sekvi ĝin. Sur la aŭskultanta spirito de Dio falis ankaŭ la neparolita parto de la preĝo. Li ordonas ke mi esprimu ĝin vorte. Aŭskultu!

"Ho Sinjoro nia Patro, nia junaj patriotoj, idoloj de niaj koroj, antaŭiras al batalo--estu apud ili! Kun ili--per spirito--ni ankaŭ antaŭiras de la dolĉa paco de niaj amataj fajrejoj por frapegi la malamikon. Ho Sinjoro nia Patro, helpu nin por disŝiri iliajn soldatojn al sangoj fragmentoj per niaj obusoj; helpu nin por kovri iliajn feliĉajn kampojn per la palaj kadavroj de iliaj patriotaj mortintaj; helpu nin por dronigi la tondron de la pafiloj per la ŝirkrioj de iliaj vunditoj, baraktantaj pro doloro; helpu nin por dezertigi ilian humilajn hejmojn per uragano de fajro; helpu nin por tordi la korojn de iliaj senkulpaj vidvinoj per senefika lamentado; helpu nin por senhejmigi ilin kaj lasi ilin sentegmentaj kun malgrandaj infanoj por vagi senamikaj inter la ruboj de ilia dezertigita lando, ĉifonvestitaj, malsataj, soifaj, viktimoj de la sunflamoj de somero kaj la glaciaj ventoj de vintro, kun rompitaj animoj, eluzitaj per sufero, petantaj senefike al Vi por la rifuĝo de la tombo--pro ni kiuj adoras Vi, Sinjoro, eksplodigu iliajn esperojn, velkigu iliajn vivojn, daŭrigu ilian amaran pilgrimadon, pezigu ilian paŝojn, akvumu vian vojon per iliaj larmoj, makuligu la neĝon per la sango de iliaj vunditaj piedoj! Ni petas tion per la spirito de amo, de Tiu, Kiu estas la Fonto de Amo, kaj Kiu estas la ĉiam-fidinda rifuĝo de ĉiuj kiuj estas dolore sieĝitaj kaj serĉas Lian helpon per humilaj kaj kontriciaj koroj. Amen

(Post paŭzo.) "Vi preĝis ĝin: Se vi ankoraŭ deziras ĝin, parolu! La mesaĝisto de la Plej Alta atendas!"

Oni kredis poste, ke la viro estis frenezulo, ĉar estis neniu senco en tio, kion li diris.

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto, Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_